# Esperanto Hamburg



Esperanto Hamburg e.V.

Aprilo / Majo (2) 2014

## EspoDespo en Hamburg

*Karl Maybach* (mald.), *Birte Knutzen* (meze) kaj *Amir Hadziahmetović* Foto: Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e.V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 4318 8347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

nun, finfine, post kiam mi ne redaktis la numerojn 5/2013 kaj 1/2014, sed anstataŭe ĝuis la bonan prizorgadon en malsanulejo – kaj la bonegajn manĝaĵojn tie (vd. artikolon), mi de nove kompilis interesajn temojn por vi. Kiel kutime krom esperantaj sciigoj ankaŭ troviĝas artikoloj pri hamburgaj temoj, kiuj prezentas interesajn faktojn pri nia urbo, kiujn eĉ multaj el niaj membroj ne sciis antaŭe. En nia programo vi trovos anoncon de jubileo: 111 jaroj Esperanto en Hamburg. Kial ne festi tiun daton; la tempo ĝis 120 jaroj estas tro longa, por senagade nur atendi eblecoj por kapti atenton de la publiko – Sed tio estas unu el niaj celoj, ankaŭ laŭ la nova statuto. Mi deziras al vi agrablan printempon kaj belan pasko-feston!

*Benno Klehr*

La kunvenoj de
**Esperanto Hamburg**
okazas en la
*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**



### Sentenco

**Klasika muziko estas la plej granda donaco, kiun Eŭropo donis al la mondo**

Rolando Villazón

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2014: 15-05-14**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2014: 15-08-14**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2014: 15-10-14**

# EspoDespo en la Kulturbutiko

La granda salono en la kulturbutiko estis plena. Pli ol 50 vizitantoj volis aŭskulti kaj spekti la koncerton de la muzik-grupo ***EspoDespo***.
La internacia muzikista grupo, kies membroj venas el Bosnio, Danio kaj Usono, la 16an de Marto 2014 prezentis muzikaĵojn el diversaj kulturoj de la mondo laŭ diversaj ofte danceblaj muzikstiloj.
La tekstoj, kiujn kantis Amir, estis plejparte en Esperanto; sed ankaŭ en la angla, la serbo-kroata kaj la cigana lingvoj.

Fotoj: B. Klehr





Kelkaj kantoj originas de konataj aŭtoroj, kiel *Adam Mickiewicz, Nikolai Kurzens* kaj *Poul Thorsen,* kaj temas pri amo, ĝuo kaj sufero, militista frenezo kaj senkoreco, fato kaj libereco.
La muzikistoj estas *Amir Hadziahmetović* (gitaro kaj kantado), *Karl Maybach* (komputilo kaj aranĝo) kaj *Birte Knutzen* (drumo).
Kiel gasto aperis *Gunnar Fischer* (ukulelo), kiu dum kelkaj muzikpecoj kunludis. Fakte estis multaj gastoj kiuj alvojaĝis sufiĉe longajn vojojn: Eĉ el suda Hesio vanis familio *Emmerich* kaj el Duisburg familio *Sözüer.* Aliaj venis el Emden, Hanovro kaj aliaj urboj iom pli proksimaj. Krome venis multaj el niaj klubmembroj.

# 111 jaroj Esperanto en Hamburg

**Projekt 111: Jubiläum –**
**111 Jahre Esperanto in Hamburg 1904 – 2015**

Wie wollt Ihr dieses Jubiläum feiern?
Das herauszufinden und dann gemeinsam die Umsetzung zu planen ist das erklärte Ziel des Projekts.
Bis zum 10. April könnt Ihr noch Eure Vorschläge einreichen. Dabei gilt: **Jede Idee** darf vorgeschlagen werden (keine Zensur im Kopf!) bis zu 5 Vorschläge pro Person, kurz gefasst (Stichwortartig), anonym in einen neutralen Umschlag, erst auf dem Außenumschlag Euren Namen angeben.
Am 17. April werden die Vorschläge eröffnet und Paten gesucht, die uns von Mai bis Juli in jeweils 5-15 Minuten pro Vorschlag die jeweilige Idee schmackhaft machen.
Wurden alle Vorschläge gehört, macht sich jeder Gedanken, welchen der Vorschläge er a) gut findet, b) bei der Planung und c) bei der Durchführung unterstützt und gibt eine entsprechende Absichtserklärung ab. Vorschläge, die (ausreichend) Absichtserklärungen erhalten haben, werden genauer angeschaut, auf Umsetzbarkeit geprüft und zur Wahl gestellt. Die Arbeitsgruppe(n) des/der Wahlsieger(s) [siehe Absichtserklärung] setzen sich dann für die weitere Planung zusammen.
Ob, wann, wie oft und wie wir feiern, liegt also an Euch.
– Nehmt am Projekt 111 teil.
Bei Fragen wendet Euch an Peggy → → →

**Projekto 111: Jubileo –**
**111 jaroj Esperanto en Hamburgo 1904 – 2015**

Kiel vi volas festi tiun jubileon?
Por malkovri tion, kaj kune plani la okazigon estas proklamita celo de la projekto. Ĝis la 10a de aprilo vi povas transdoni viajn proponojn. Validas jeno:
**Ĉiu ideo** rajtas esti proponita (nenia cenzuro en la kapo!), ĝis 5 proponoj per persono, mallonge/koncize, anonime en neŭtrala koverto, nur sur la ekstera kovrilo aldonu vian nomon.

La 17an de Aprilo ni malkovros la proponojn kaj serĉos patronojn, kiuj de Majo ĝis Julio dum 5 – 15 minutojn tentige prezentetos la unuopajn ideojn.
Post kiam ni aŭdis ĉiujn proponojn ni pripensu kiu(j) de la proponoj estos a) plaĉa por ni, b) subtenota dum planado aŭ c) subentota dum okazigo kaj tiel skribe donas deklaracio de intenco. Proponoj, kiuj ricevis (sufiĉe da) deklaracioj de intenco, estos alrigardota plu, analizota se ili estos farebla kaj elektota per baloto. La respektivaj laborgrupoj [vidu deklaracio de intenco] tiam kunsidu por plura planado.
Ĉu, kiam, kiel ofte, kaj kiel ni festos, do dependas de vi.
– Partoprenu al projekto 111.

**Se vi havas demandojn, turnu vin al Peggy –**

ret-adreso: ley[ĉe]Esperanto-hamburg.de

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St.Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Aprilo

**3** Du filmoj de *Roman Dobrzynski*:
**Tagoj de Bydgoszcz** (23 minutoj)
**Zamenhofa kuracejo** (28 minutoj)

**10** *Sebastian Kirf:*
**Novaĵoj de Germana Esperanto-Asocio** La prezidanto de GEA vizitos nin por raporti pri la agado kaj respondos niajn demandojn.

**17** *Peggy Ley*:
**Prezentado de la proponoj** por la **111-jara jubileo** de Esperanto Hamburg en 2015. Venu, ĝoju kaj decidu.

**23** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**24** **Novaĵoj de Esperanto en interreto**
En la reto vi trovas multajn informojn. Kiel pli bone uzi ĝin por esti plej bone informita?

## Majo

**1** *Vesna Stanicic-Burchards:*
**Vizito en Norderstedt:**
Ni renkontiĝos je 15:00 h ĉe **U1**, ĉe *Hauptbahnhof Süd* kaj ekveturos je 15:15 h al *Norderstedt*, kunhavante kukon.

**8** *Ralph Glomp:*
**Floroj - Kio floras ĉe la vojo?**
Tempo por eklerni novajn vortojn.
Kunportu viajn vortarojn.

**15** ***Philip Newton:*** **Kornvala lingvo**
En Aprilo Philip partoprenis renkontiĝon en Cornwall kaj raportas pri siaj spertoj. pri la lingvo, la vojaĝo tien kaj la kongresa etoso.

**22** *Jürgen Wulff:*
**Kvar fotoj – unu vorto** (kvizo)
Kiel jam antaŭe Jürgen kunmetitis kvar bildojn por ekspliki unu vorton.

**28** Merkredo 18.00 h
**Estrarkunveno** (publika)

**29** *Horst Schickschneidt:*
**Ĉielir-tago - Vojaĝo al Poppenbüttel:**
Ni renkontiĝos je 15:00 h ĉe S1 Hauptbahnhof kaj ekveturos je 15:04 h al Poppenbüttel, kaj renkontiĝos tie en Kafejo.

## Junio

**5** *Kerstin Baasch:* **Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**

**6-9** Renkontiĝo meze en Eŭropo:
**91a Germana Esperanto-Kongreso**
En Erfurto/Turingo

**12** Post la kongreso:
**Partoprenintoj raportas**
Bonvolu kunporti memoraĵojn
kaj fotojn/filmojn

# Beiträge 2014

Liebe Mitglieder,
am 14. April 2014 werden die SEPA-Lastschriften für die Mitgliedsbeiträge für das Jahr 2014 ausgeführt. Bei Fragen stehe ich gerne zur Verfügung.
Kore salutas
Kerstin Baasch, Kassiererin Esperanto Hamburg e.V.

Mitgliedsbeiträge bitte auf das Konto des Vereins überweisen, oder erteilen Sie eine Einzugsermächtigung (www.esperanto-hamburg.de/beitrittsformular.pdf ).

Die Beiträge betragen:
50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Kontoverbindung des Vereins Esperanto Hamburg e.V.:
GLS Gemeinschaftsbank,
BLZ 430 609 67, Konto Nr. 2006716500
oder
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS

**Mitgliedsbeiträge und Spenden** an Esperanto Hamburg e.V. können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. So weit die einzelne Zahlung € 200 Euro nicht über steigt, genügt es gemäß § 50 Abs. 2 Nr. 2 EStDV, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen.
Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

**Bescheinigung über Gemeinnützigkeit**
Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 19.11.2012 unter der Steuernummer 17/ 420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach § 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit. Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens gemäß § 52 Abs. 2 Nr. 13 AO verwendet wird.

# Hamburg-Enigmo


Koloriġita foto de Sven Storbeck/Wikimedia

Simile al la buseto sur la apuda bildo aspektis la busoj, kiuj en la antaŭaj jardekoj frekventis en Hamburg. Kiun karesnomon ili havis, kaj kie ili estis videblaj?

# Jarĉefkunveno de Esperanto Hamburg (EHH)

La 13an de Marto 2014 en la kulturbutiko okazis la jarĉefkunveno de EHH. Laŭ la nova statuto estas pli facile, elekti la estraron, ĉar eblas elekti ĉiujn estraranoj per unu voĉdonado. Elektitaj estis jenaj estraranoj: *Jürgen Wulff* (prezidanto), *Dominik Grauert* (vicprezidanto), *Gerald Roemer* (Kasisto), *Peggy Ley* (sekretariino) *kaj Benno Klehr* (informilo). Kiel revizoroj estis (re)elektitaj *Hannelore Brunow, Karin Bouchain*, *Philip Newton* kaj *Volker Kraeft.*


**Diskuto pri la buĝeto** **Foto: V. Kraeft**

*Kerstin Baasch* estas komisiita zorgi pri la biblioteko. Konsilantaron, kiun elekti postulis la malnova statuto, ni ne plu havas. Do la kunveno ne daŭris tro longe. Montriĝis la harmonio, kiu ekzistas en la hamburga klubo: Okazis viglaj diskutoj, sed en la voĉdonadoj aperis eĉ ne unu kontraŭvoĉo.

---

# Biblioteko

Kiam en 1990 ni komencis prepari katalogon por nia biblioteko, ni havis unu komputilon. Plej multaj el niaj



membroj tiam ankoraŭ ne havis komputilojn. Nun, kiam preskaŭ ĉiuj havas, estas pli rapide registreblaj la libroj, kiam dum klubvespero (sur la foto la 13an de Marto) samtempe estas uzataj sep komputiloj. Kerstin organizas la kunmetadon de la datumaroj kaj la aranĝadon de la katalogo. Ŝi krome donas numeron al ĉiu unuopa libro por pli facila ordigo en la bretaroj.




**Fotomuntaĵo montras la ŝanĝiĝantan lumon en la metro-stacio Hafen-City-Universität.**

Fotoj: B. Klehr

# Vidindaĵoj en la *Havena Urbo*

La metrolinio ***U4*** frekventas ĝis la havena urbo. En la proksimeco de la Haltejoj *Überseequartier* kaj *Hafen-City-Universität* troviĝas multaj novaj vidindaĵoj kaj vizitindaĵoj. Hotelo „*25 hours*“ kun tre interesa kaj bona restoracio, *Elbarkaden*, kun granda kafo-teraso kaj muzeo pri naturaj fenomenoj (Hamburga inundo 1962) kaj la nova universitataj konstruaĵoj apud *Versmannkai* ĝis la nova *Baakenhafenbrücke.* Mem spertu!

# Linio S 3: 140.000 pasaĝeroj ĉiutage

En 1983 estis inaŭgurita la urba trajnlinio **S3**, kiu funkcias per kontinua kurento, inter la ĉefa stacio kaj la urbodomo de *Harburg*. Nun, 30 jarojn poste, kaj post plilongigo de la linio ĝis la urbo *Stade*, ĝin uzas ĉiutage 140.000 pasaĝeroj. La specialaĵo de S3 estas, ke ĝi disponas pri kombinitaj sistemoj de kurento-prenado: Sur hamburga tereno ekzistas flankaj reloj kiel kurento-ekipaĵo, ekster Hamburg la trajnoj per pantografo povas uzi la supran kondukilon de *Germana Fervojo*.

# 1180 jaroj monfarejo Hamburg

Ek de 834 oni produktas monerojn en Hamburg. Ĝi estas la plejmalnova monfarejo en Germanio, kiu ekzistas ĝis hodiaŭ. La moneroj, kiuj estas fabrikitaj en Hamburg portas la simbolon J, kiel sur la 2-eŭra monero de 2008, kiun ornamis grafikaĵo de *Ernst Ott.*



Foto: Klehr © 2008

# Forgesita imperiestra ĉambro

En Januaro 2014, dum riparaj laboroj en la urba kanalizacio, oni retrovis ĉambron, kie la imperiestro dum sia vizito en 1904 povis ŝanĝi vestaĵojn, antaŭ ol spekti la konstraĵon. Poste oni fermis la pordon per muro – kaj forgesis ĝin. (Rigardu en numero 3/2013 • enigmo)

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Foto: B. Klehr

***Montara kapro*** (Bergziege) estis la karesnomo de tiuj iom strange aspektantaj busetoj, kiuj veturis en la kurbaj mallarĝaj stratoj en *Blankenese.* La modernaj busoj aspektas kiel normalaj busoj, sed ili estas tre mallongaj.

# Tradicia kafo-ĝardeno



Foto: Woozie 2010/flickr

En 1877 la familio *Schuldt* sur la monto *Süllberg* en Blankenese malfermis sian ĝardenon por hamburgaj laboristoj, kiuj dum dimanĉoj ekskursis tien por ĝui la belan elrigardon al la rivero *Elbe.* La gastoj kunportis kafopulvoron, kaj la gastigantoj preparis la trinkaĵon je malalta prezo. La ideo de tia gastronomio jam ekzistis 1800 en *Treptow,* tiam „apud“ Berlin.

En *Schuldts Kaffegarten* tiu tradicio funkcias ĝis hodiaŭ. Sed oni ankaŭ povas mendi pretan kafon kaj grandiozan memfaritan kukon – aŭ mendi bieron. Por atingi la kafoĝardenon, Hannelore kaj mi elektis la plej mallongan vojon: De la bushaltejo *Krögers Treppe* sur ŝajne senfina ŝtuparo *Süllbergstreppe* (Foto maldekstre). Poste ni eltrovis, ke ekzistas kvazaŭ ebena vojo de la haltejo *Waseberg,* kie estas la alirejo al la fama resoracio de la stelo-ormanita kuiristo *Karl-Heinz Hauser* en *Hotelo Süllberg.* Do, venontan fojon ni iros per la buseto la tutan vojon tra la kurbaj mallarĝaj stratoj sur la deklivo de la riverbordo ĝis la supro de *Süllberg.*



**Hannelore ĝuas kafon sur la teraso**

Foto: B. Klehr

# Miliardoj da Eŭroj sekurigas laboron ĉe Airbus

*Japan Airlines* (JAL) mendis 31 ekzemplerojn de la altteknika aviadilo *A350*. Ĝis nun JAL nur havis *Boeing*-aviadilojn. La aviadilfabrikoj de *Airbus* dum la pasintaj du jaroj povis krei 3000 aldonajn laborlokojn, kaj ankaŭ 2013 estis dungitaj pliaj kunlaborantoj. Aktuale *Airbus* en Germanio havas pli ol 18000 dungitojn.
La korpo de la nova A350 konsistas je 53% el modernaj kompozitaj materialoj kun aluminio kaj titano. Tiuj kompozitaj materialoj ŝparas pezon kaj tiel malaltigas la energian bezonon. La unua A350-900 fine de 2014 estos uzata en linia trafiko. Entute estas menditaj 750 aviadiloj de tipo A350 de 38 klientoj el la tuta mondo.



**A350** Foto: Don-vip

# Plebiscitoj en Hamburg

La Hamburga konstitucio ebligas plebiscitojn pri gravaj temoj, kondiĉe, ke la iniciantoj antaŭe kolektas 60000 skribajn subtenojn. Tamen la registaro (en Hamburg *Senato*) ne devas nepre plenumi la decidon de la popolo.
Tiel okazis en 2004, kiam la voĉdonantoj malaprobis je 77% la vendadon de la ŝtataj malsanulejoj al la privata *Asklepios*-grupo. Tamen la *CDU*-senato decidis vendi la klinikojn, ĉar ili rigardis la plebisciton nur *propono*.




En Septembro 2013 okazis plebiscito pri la la reaĉeto de la teknikaj retoj por elektro, gaso kaj telehejtado, kiuj iam estis venditaj al *Vattenfall* kaj *e-on Hanse*.
La rezulto montris 51% por la reaĉetado. Kvankam tiu rezulto ne estas grandioza sukceso, la urbestro *Olaf Scholz* volas efektivigi la deziron de la popolo, kvankam li kaj lia senato origine estis kontraŭ tio. Sed laŭ *Scholz* la volo de la popolo estas pli grava.

La ĉefo de la parlamenta frakcio de *SPD*, *Andreas Dressel*, aldonis: Ni malsukcesis, sed: Plimulto estas plimulto, kaj ni estas bonaj demokratoj. Tial ni memkompreneble sekvos la decidon.

## 300 jara datreveno de „Hamburga“ Bach

Carl Philipp Emanuel BACH (naskiĝis en Weimar la 8-an de marto 1714, mortis en Hamburg la 14-an de decembro 1788) estis germana muzikisto kaj komponisto, kaj la dua filo de Johann Sebastian Bach. Li estis fondinto de la klasika stilo, kaj estis profunde respektata interalie de Beethoven kaj Haydn. Mozart diris: „Li estas la patro, ni la knaboj.“

En 1740 li fariĝis korta muzikisto ĉe *Friedrich II* de Prusio, pro kio li ankaŭ estas nomata „Berlina“ Bach; sed tiu laboro ne kontentigis lin.

Li estus ŝatinta sekvi al la patro kiel kantoro ĉe la *Tomasa preĝejo* en Leipzig, sed supozeble li estis tro moderna por la decidantaj instancoj.


**Pentraĵo far la kuzo Johann Philipp Bach** Foto: Wikimedia

En 1768 li fariĝis posteulo de sia bapto-patro *Georg Philipp Telemann* kiel urba Musikdirektoro en Hamburg, kie li ricevis honoran tombejon en la kirko de *S-ta Mikaelo*.

# 150 jaroj Marienkrankenhaus

En 1864, dum la dua Ŝlesviga milito, monaĥinoj de *s-ta Karlo Boromeo* apud sia orfejo en la strato *Lange Reihe* malfermis flegejon por vunditaj soldatoj. Ĝi fariĝis la unua katolika malsanulejo en la Luterana Hamburg.
En 1882 oni translokigis la malsanulejon en novan konstruaĵon en *Alfredstraße*, kiu estis konstruita laŭ planoj de la fama arĥitekto *Martin Haller,* kiu estis unu el la grupo, kiu planis la urbodomon.


**La enirejo en Alfredstraße 9**

Hodiaŭ *Marienkrankenhaus* estas moderna, eĉ premiita malsanulejo.
Ĉe Hamburganoj ĝi estas ŝatata akuŝejo kun atestita kvalito.
Laŭ la magazino *Focus Gesundheit* ĝi estas unu el la plej bonaj malsanulejoj en Germanio.
Eĉ la manĝaĵoj havas RAL-ateston pro la bona kvalito. La restoracio estas publika kaj ofertas diversajn menuojn por tagmanĝo je moderaj prezoj.

Foto: Klehr